simplajn elturniĝojn, kiel manĝi pli gustajn nutraĵojn aŭ plisaporigi ilin per spicoj, kiujn oni perceptas per la tipa aktivado de la gustaj surlangaj papiloj: ekzemple papriko. □

# A n e k d o t o j

***Gaston Baty***
(26/05/1885 - 13/10/1952)

Il direttore del "Teatro Montparnasse", una sera, era sulla porta del locale sotto la nuova insegna luminosa che ne indicava il nome, quando una signora gli chiese: - Mi scusi, dov'è il "Teatro Montparnasse"? Baty, che era molto orgoglioso di quella insegna, ebbe un gesto di stizza, estrasse di tasca alcune banconote e le porse alla signora dicendole: - Ecco, signora, le serviranno per comprarsi un paio di occhiali!

***Gaston Baty***

La direktoro de la "Teatro Montparnasse", iun vesperon, staris ĉe la pordo sub nova luminsigno montranta ties nomon, kiam sinjorino demandis lin: - Pardonu, kie estas la "Teatro Montparnasse"?
Baty, kiu multe fieris pri la insigno mem, incitite elpoŝigis iujn bankbiletojn kaj donis ilin al ŝi dirante: - Jen, sinjorino, tiuj ĉi utilos al vi por aĉeti okulvitrojn!

———————

***Charles Pierre Baudelaire***
(09/04/1821 - 31/08/1867)

Lo scrittore Mario Uchard, nel 1861, inviò a Baudelaire il suo romanzo "*Raymon*" chiedendogli un giudizio.
Tra le critiche che fece al libro, questi rilevò: - Voi dite "io" troppo spesso, e quando dite "io" (in un libro che non abbia per soggetto sé), Voi sviate il lettore dal piacere di interessarsi alla Vostra opera.

***Charles Baudelaire***

La verkisto Mario Uchard, en 1861, sendis al Baudelaire sian romanon "*Raymon*" petante kritiktaksadon.
Interalie, tiu rimarkis: - Vi diras "mi" tro ofte, kaj kiam Vi diras "mi" (en libro, kiu ne havas kiel subjekton sian memon), Vi devojigas la leganton el la plezuro interesiĝi pri Via verko.

———————

***Charles Pierre Baudelaire***

Lo scrittore francese non tratteneva risposte taglienti se una persona non riscuoteva la sua simpatia. Una sera in un salotto una signora, di età non verdissima, civettava con lui e gli chiese, maliziosa: - Voi quanti anni mi date?



Il poeta rispose acidamente: - Sono pietoso e non ve ne do neppure uno, perché mi sembrano più che sufficienti quelli che avete.

***Charles Baudelaire***

La franca verkisto ne detenis sin akre respondi se persono ne vekis en li simpation. Iun vesperon, en iu salono, sinjorino, ne plu tro juna, koketis al li kaj malice demandis: - Kaj vi kiom da jaroj atribuas al mi?
La poeto acide respondis: - Mi bonkore donas al vi eĉ ne unu, ĉar laŭ mi tiuj, kiujn vi havas jam sufiĉas.

———————

***Pierre-Augustin Caron de Beaumarchais***
(12/02/1732 - 18/05/1799)

Il drammaturgo e polemista francese, autore della commedia "*Il barbiere di*

*Siviglia*", da cui Paisiello e Rossini trassero due famose opere liriche, fu sfidato a duello da un certo signor De La Blache.



Lo scrittore (che anni prima era stato offeso dal duca De Chaulnes senza reagire), si limitò a rispondergli: - Mi dispiace, ma ho rifiutato di meglio.

***Beaumarchais***

La franca dramisto kaj polemikisto, aŭtoro de la Komedio "*La barbiro de Sevilla*", el kiu Paisiello kaj Rossini eltiris du famajn operojn, estis defiita je duelo de iu sinjoro De La Blache.
La verkisto (kiu antaŭ jaroj estis defiita de la duko De Chaulnes ne reagante), kontentiĝis respondi nur: - Mi bedaŭras, sed mi rifuzis pli altkvalitan.

———————

***Ludwig van Beethoven***

(17/12/1770 - 26/03/1827)

Il famoso compositore tedesco, dopo aver eseguito alla presenza dello scrittore Wolfgang Goethe la sua "Sonata al chiaro di luna", visto che il suo illustre ascoltatore non dava segni di approvazione, gli si rivolse sgomento: - Maestro, se voi ... se voi non mi dite niente, chi mai potrà apprezzarmi?



***Ludwig van Beethoven***

La fama germana komponisto, post ludado de sia "Sonado dum lunlumo", ĉeeste de la verkisto Wolfgang Goethe, konstatante, ke tiu eminenta aŭskultanto ne montris aprecsignojn, alparolis lin kun konsterno: - Majstro, se vi … se vi diras nenion, kiu povos estimi min?

———————

***Tristan Bernard***

(07/09/1866 - 07/12/1947)

Lo scrittore francese in realtà si chiamava Paul. Un giorno gli chiesero se avesse adottato il nome di Tristan in onore di una persona a lui particolarmente cara o verso cui nutrisse una grande stima. Il commediografo rispose: - A dire la verità, ho cambiato il mio nome in segno di riconoscenza verso un cavallo, chiamato appunto Tristan, che mi ha fatto vincere una grossa somma alle corse.



***Tristan Bernard***

La franca verkisto envere nomiĝis Paŭlo. Iam oni demandis lin ĉu li elektis la nomon Tristan-n honore de iu persono aparte kara al li aŭ kiun li multe estimas.
La komediisto respondis: - Verdire, mi ŝanĝis mian nomon rekone al ĉevalo, kies nomo estis ĝuste Tristan, kiu gajnigis al mi grandan sumon je vetkuroj.

———————

***Tristan Bernard***

Un tizio raccontò a un gruppo di amici (tra cui c'era lo scrittore francese) una barzelletta stupidissima. Visto che nessuno aveva riso, si giustificò dicendo: - L'ha raccontata l'onorevole Dupont ...
Bernard commentò: - Vuol dire che alle prossime elezioni non lo voteremo.

***Tristan Bernard***

Iu rakontis al amikaro (inter kiu ĉeestis la franca verkisto) tre stultan ŝercon. Konstatinte, ke neniu ridis, li senkulpiĝis dirante: - Rakontis ĝin la deputito Dupont …

Bernard komentariis: - Do, pro tio, je la venontaj balotoj ni ne voĉdonos por li.

---

***Aldo Borelli***

(02/02/1890 - 02/08/1965)

Il giornalista italiano, direttore del "Corriere della Sera" dal '29 al '43, aveva un pappagallo parlante, Dodo, molto intelligente. Un giorno sua moglie Jia Ruskaia entrò nel salotto di casa e sentì il marito mentre parlava al pappagallo, e gli gridò allibita: - Che stai facendo? Insegni le parolacce a Dodo?

Borelli rispose: -No, cara, gli dico le parole che non deve usare.

***Aldo Borelli***

La itala ĵurnalisto, direktoro de "Il Corriere della Sera" ekde 1929 ĝis 1943, havis parolantan papagon, Dodo, tre inteligentan. Iun tagon lia edzino Jia Ruskaia eniris la hejman salonon kaj aŭdis la edzon dum li parolis al la papago, kaj konsterne ekkriis: - Ĉu vi instruas al Dodo maldecaĵojn?

Borelli respondis: - Ne, karulino, mi diras al ĝi la ne uzeblajn vortojn.

---

***Emile Boutroux*** (1845-1921)

Il filosofo francese era studente alla Sorbonne e stava sostenendo la sua tesi di laurea sulla "*Contingence des lois de la nature*".

Il presidente della commissione esaminatrice si meravigliò dell'idealismo trascendentale dello studente e gli chiese: - E il corpo? Esiste pure il corpo ... Che ne fate nella vostra filosofia?

E il Boutroux così esile, scarno, pallido, rispose timidamente: - Il corpo? … Forse non è che una infermità dello spirito. (La frase divenne subito celebre.)



***Emile Boutroux***

La franca filozofo estis eltenanta sian doktoran disertacion pri "*Contingence des lois de la nature*" ĉe la *Sorbonne*-Universitato.

La prezidanto de la ekzamena komisiono miris pri la transcenda idealismo de la studento kaj demandis: Kaj la korpo? Ekzistas ankaŭ la korpo. Kion vi faras pri ĝi en via filozofio?

Kaj Boutroux tiel minca, magra, pala, timeme respondis: - La korpo? … Eble ĝi estas nenio pli ol spiritmalsano. (La frazo tuj iĝis fama).

---

***Alfred Capus***

(25/11/1857 - 01/11/1922)

Un'ammiratrice chiese all'anziano giornalista, commediografo e drammaturgo francese quanti anni avesse.

- Dipende. - rispose lo scrittore.
- Dipende da che cosa? Domandò lei.
- Dalle vostre intenzioni, signora. - ribatté Alfred Capus.

***Alfred Capus***

Admirantino demandis al la franca ĵurnalisto, komediisto kaj dramisto kiom aĝa li estas.

- Dependas, respondis la verkisto.
- Dependas de kio? Demandis ŝi.
- De viaj intencoj, sinjorino. - rebatis Alfred Campus. □

*(Trad. RoBo)*

# *R i m a ĵ o j*

## LA PECORELLA

Una povera Pecora imprudente,
passanno un fiume spensieratamente,
cascò nell'acqua, fece: glu-glu-glu,
e nun se vidde più.
Naturarmente, tutte le compagne,
saputo er fatto, corsero sur posto
e incominciorn a piagne.
- Povera Pecorella! -
- Lei ch'era tanto bona!
- Lei ch'era tanto bella! -
Puro l'Orno ciannò: ma, ne la furia
de dimostraje la pietà cristiana,
invece de strillà: - Povera Pecora! -
strillò: - Povera lana!
*5 aprile 1914* *(Trilussa)*

## ŜAFIDETO

Iu kompatinda Ŝafideto malprudenta,
travadante riveron senpripense,
falis enakven, kaj faris: glu-glu-glu,
kaj oni vidis ĝin ne plu.
Nature, ĉiuj ĝiaj kunulinoj,
sciinte la eventon, surloken kuris
kaj ekkomencis plori.
- Povra Ŝafideto! -
- Ĝi, kiu estis tiel bona! -
- Ĝi, kiu estis tiel bela! -
Eĉ la Homo iris: sed, pro hasto
montri piecon kiel kristano,
anstataŭ krii: - Povra Ŝafideto! -
kriegis: - Povra lano!
*la 5-an de aprilo 1914* *(Trad. RoBo)*

---

## SCIENZA E PREGGIUDIZZIO

Un Professore chiese a la servetta:
- Co' che te sei curata la ferita?
co' la tela de ragno? Ah, scimunita!
Nun sai che quela tela è sempre infetta?
Te stagna er sangue, sì, ma spesse vorte
te l'avvelena e te condanna a morte.
Li ce cova un bacillo che s'attacca
e fa l'effetto de la strichinina:
sta' attenta dunque, e quann'è la matina,
ogni ragno che vedi, pija e acciacca;
ormai la scenza nova ha buggerato
li vecchi preggiudizzi der passato. -
Ecco che la servetta, er giorno istesso,
appena vidde un Ragno, manco a dillo,
fu tanto lo spavento der bacillo
che prese una ciavatta e j'annò appresso.
Ma quello se fermò. Dice: - Che fai?
Ragno porta guadagno, nu' lo sai?
Perché m'ammazzi? Nun so' forse io
che porto l'abbondanza drento casa?
- Se è così, - fece lei - so' persuasa... -
E er Ragno disse: - Ringrazziamo Iddio!
Finché se pô sfruttà la providenza
er preggiudizzio buggera la scenza. -
*10 luglio 1914* *(Trilussa)*

## SCIENCO KAJ ANTAŬJUĜO

Iu Profesoro demandis servistinon:
- Kiel vi kuracis vundon vian?
per aranea teksaĵo? Ha, stultulino!
Ĉu vi ne scias ke tiu aĵo ĉiam infektas?
Ĝi ĉesigas sangadon, ja, sed ofte
ĝi vin venenas kaj vin mortkondamnas.
Tie nestas mikrobo, kiu enfiksiĝas
efikante al vi kiel la strikinino:
estu singarda do, kaj je mateno,
ĉiun araneon vidatan tuj dispremu;
jam ja la nova scienco malkonfirmis
la oldajn antaŭjuĝojn pasintecajn. -
Jen ke la servistino, dum la tago mem,
apenaŭ vidis Araneon, eĉ sendire,
tiel forta estis la timo pro l' bacilo
ke ŝi prenis ŝuaĉon kaj ĝin apudiĝis.
Sed tiu haltis dirante: - Kion vi faras?
Araneo portas gajnon, ĉu ne scias vi?
Kial vi mortigas? Ĉu eble ne estas mi
kiu alportas abundecon en la hejmon?
- Se tiel estas, - ŝi diris - konvinkiĝas mi... -
Kaj la Araneo spiris: - Dank' al Dio!
Ĝis oni povas eluzi providencon
la antaŭjuĝo trompadas la sciencon. -
*la 10-an de julio 1914* *(Trad. RoBo)*

---

ER CANE POLIZZOTTO

Ieri ho incontrato un Cane polizzotto.
Dico: - Come te va? - Dice:- Benone!
Ogni ladro che vedo je do sotto.
Li sento da l'odore, caro mio!
Cor naso che ciò io!... -
In quer mentre è passato un fornitore
che Dio solo lo sa quant'ha rubbato.
Ho chiesto ar Cane: - Senti un certo odore? -
Ma lui m'ha detto: - No ... So' raffreddato... -
Er Cane polizzotto ch'ho incontrato
lo faranno prestissimo questore. *(Trilussa)*



POLICA HUNDO

Hieraŭ mi renkontis polican Hundon.
Mi diris: - Saluton, kiel vi? - Ĝi diras: - Bone!
Ĉiun ŝteliston vidatan mi tuj lin postkuras.
Mi antaŭflaras ilin, mia kara!
Dank' al bona nazo, kiun mi havas … -
Ĵus tiam pasis provizanto
pri kiu nur Dio scias lian ŝtelfaradon.
Mi demandis: Ĉu vi sentas ian fiodoraĉon?
Sed Ĝi diris: - Ne … Mi malvarmumas … -
La polica Hundo renkontita
tre baldaŭ iĝos kvestoro. *(Trad. RoBo)*

---

ER PRIMO PESCECANE

Doppo avé fatto l'Arca
Noè disse a le Bestie: - Chi s'imbarca
forse se sarverà, ma chi nun monta
sì e no che l'aricconta.
Perché fra pochi giorni, er Padreterno,
che s'è pentito d'avé fatto er monno,
scatenerà un inferno
pe' rimannacce a fonno.
Avremo da restà sei settimane
tutti sott'acqua: e, lì, tocca a chi tocca! -
Ogni bestia tremò. Ma il Pescecane
strillò· - Viva er Diluvio! - E aprì la bocca.
*(Trilussa)*

LA UNUA ŜARKO

Post la granfarado de la Arkeo
Noao diris al la Bestoj: - Kiu enboatiĝas
eble tiu saviĝas, sed kiu ne eniras
maleble tion rakonti tiu povas.
Ĉar post iuj tagoj, la Ĉiopova,
kiu pentis pri la mondkreado,
senbridigos inferon
por tre profunden sendi nin.
Ni ĉiuj devos resti ses semajnojn
sub pluvego: kaj, kiun ĝi trafas, trafas! -
Ĉiu besto tremis. Sed la Ŝarko tuj kriegis:
- Vivu l' Diluvo! - Kaj la buŝon malfernis.
*(Trad. RoBo)*

---

LA BESTIA RAGGIONEVOLE

Arrivato a lo svorto d'un palazzo
er povero imbriaco inciampicò,
capolitombolò
e rimase così, come un pupazzo.
- Zulù, Zulù, perché me lasci solo? -
ciangottò l'intoppato ar Cagnolino
accucciato de dietro a un muricciolo.
- Perché te sei nascosto? A bon bisogno
nun te ricordi più che so' er padrone... -
Er Cane disse subbito: - Hai raggione,
ma a di' la verità me ne vergogno!
*(Trilussa)*

RACIA BESTO

Alveninte ĉe domega angulo
piedkunpuŝis mizera ebriulo,
stumblofalegis
kaj restis tiel, kiel stultulo.
- Zuluo, Zuluo, kial ci lasas min sola?
balbutis la koliziinto al la Hundeto
timkaŭrita malantaŭ mureto.
- Kial ci kaŝiĝis? Finfine, ja
ĉu vi forgesis ke mi estas mastro via … -
Tuj respondis la Hundo: - Ja, tutprave,
sed verdire mi multe hontas pro tio!
*(Trad. RoBo)*

# *D i v e r s a ĵ o j*

## La bella fiaba degli asini

Un uomo in giacca e cravatta apparve un giorno in un villaggio.
In piedi su una cassetta della frutta, gridò ai passanti di essere pronto a comprare a 100 € in contanti ogni asino che gli sarebbe stato proposto.
Effettivamente i contadini erano un poco sorpresi, ma il prezzo era alto e quelli di loro che accettarono, tornarono a casa con il portafoglio gonfio, felici come una pasqua.
L'uomo venne anche il giorno dopo e questa volta offrì 150 € per asino, e di nuovo tante persone gli vendettero i propri animali.
Il giorno seguente, offrì 300 € a quelli che non avevano ancora venduto gli ultimi asini del villaggio.
Vedendo che non ne rimaneva più nessuno, annunciò che avrebbe comprato asini a 500 € la settimana successiva e se ne andò dal villaggio.
Il giorno dopo, affidò al suo socio gli animali che aveva appena acquistato e lo inviò nello stesso villaggio con la proposta di vendere le bestie a 400 € l'una.
Prevedendo la possibilità di realizzare un utile di 100 €, la settimana successiva, molti abitanti del villaggio acquistarono asini a un prezzo maggiore rispetto al quale furono venduti e, per far ciò, si indebitarono con la banca.
Come era prevedibile, dopo le vendite i due uomini d'affari non si presentarono per comprare, ma andarono in vacanza con i soldi guadagnati. Gli abitanti del villaggio rimasero con asini quasi senza valore e con debiti fino a sopra i capelli.
Gli sfortunati provarono invano a vendere gli asini per rimborsare i prestiti bancari.



Il prezzo degli asini era subito crollato.
Gli animali furono sequestrati ed affittati dalla banca ai loro precedenti proprietari.

Nonostante ciò il banchiere andò a piangere dal sindaco, spiegando che, se non poteva recuperare i propri fondi, sarebbe stato rovinato e avrebbe dovuto esigere il rimborso immediato di tutti i prestiti fatti al Comune.

Per evitare questo disastro, il sindaco, invece di dare soldi agli abitanti del villaggio perchè pagassero i propri debiti, diede soldi al banchiere.
Eppure quest'ultimo, dopo aver rimpinguato la tesoreria, non cancellò i debiti degli abitanti del villaggio né quelli del Comune e così tutti continuarono a rimanere immersi nei debiti.

Vedendo il proprio disavanzo e nella prospettiva di essere declassato, preso alla gola dai tassi di interesse, il Comune chiese l'aiuto dei villaggi vicini, ma questi risposero di non poter aiutarlo in nessun modo poiché avevano vissuto la stessa esperienza.
Dietro il consiglio "disinteressato" di quel banchiere, tutti decisero di aumentare le tasse.
Dicevano che la "manovra" era inevitabile e promisero di moralizzare lo scandaloso commercio di asini.

# La bela fabelo pri la azenoj

Poi si scoprì “con sorpresa” che il banchiere e i due truffatori sono fratelli e il loro nome è Mercato. □ *(adap. RoBo)*

Viro kun jako kaj kravato iufoje aperis en vilaĝo.
Starante sur fruktokesto, li voĉanoncis al la preterpasantoj, ke li pretos aĉeti kontante kontraŭ 100 € ĉiun azenon, kiun oni proponos al li.
Fakte la kamparanoj estis iom surprizitaj, sed la prezo estis alta kaj tiuj el ili kiuj akceptis, feliĉege reiris hejmen kun plena monujo.
La viro alvenis ankaŭ la postan tagon kaj ĉi foje ofertis po 150 € kaj ree multaj homoj vendis al li siajn bestojn.
La sekvan tagon, li ofertis po 300 € al tiuj, kiuj ankoraŭ ne vendis la lastajn azenojn de la vilaĝo.
Vidante ke neniu azeno restis, li anoncis ke li aĉetos azenojn je 500 € la venontan semajnon kaj foriris el la vilaĝo.
La sekvan tagon, li donis al sia kamarado la bestojn, kiujn li ĵus aĉetis kaj sendis lin al la sama vilaĝo kun la propono vendi la bestojn po 400 €.
Antaŭvidante la ŝancon gajni profiton je 100 € la sekvan semajnon, multaj vilaĝanoj aĉetis azenojn je pli alta prezo kompare al tiu, per kiu oni vendis ilin kaj, por fari tion, ili ŝuldiĝis ĉe la banko.
Kiel atendite, post la vendo la du entreprenistoj ne prezentiĝis por aĉeti, kaj ili iris ferii per la gajnita mono.
La vilaĝanoj restis kun preskaŭ senvaloraj azenoj kaj kun multege da ŝuldoj.
La malfeliĉaj homoj sensukcese klopodis vendi la azenojn por pagi la bankpruntojn.
La prezo de la azenoj tuj kolapsis.
La bestoj estis konfiskitaj kaj luitaj al siaj antaŭaj posedantoj fare de la banko.
Malgraŭ tio la bankisto iris plori ĉe la urbestro, klarigante ke, se li ne sukcesos reakiri siajn sumojn, li ruiniĝos kaj estos devigata postuli tujan repagon de ĉiuj pruntoj, kiujn li faris al la Komunumo.
Por eviti tiun katastrofon, la urbestro, anstataŭ doni monon al la vilaĝanoj, por ke ili pagu siajn ŝuldojn, donis monon al la bankisto.
Tamen tiu ĉi, pleniginte sian kason, ne forviŝis la ŝuldojn de la vilaĝanoj nek tiuj de la Komunumo, tiel ke ĉiuj daŭre dronis en la ŝuldoj.
Vidante sian deficiton kaj en perspektivo de subklasiĝo, dronante en ŝuldojn pro procentaj interesoj, la Komunumo petis helpon de la najbaraj vilaĝoj, sed ili respondis, ke ili neniel povus helpi ĝin ĉar ili spertis la saman travivaĵon.
Laŭ “malegoisma” konsilo de tiu bankisto, ĉiuj decidis pliigi kaj plialtigi la impostojn.
Ili diris, ke la “manovro” estis nepra kaj promesis moraligi tian ĉi skandalan komercon de azenoj.



# *L a t i n a ĵ o j*

Fecundi calice quem non facere disertum
*Chi è quello che non fu reso eloquente da calici abbondanti?*
*Kiu ne iĝis parolema pro abundaj glasoj?*

Festina lente (Augusto)
*Affrettati lentamente.*
*Rapidu malrapide*. Agu atente eĉ se ne estas tempo.

Fiat lux (Bibbia)
*E sia la luce!*
*Estu lumo*. Klarigu la aferojn.

Fortuna fortes metuit et ignavos premit (Seneca)
*La fortuna teme i forti e schiaccia i paurosi.*
Simile alla locuzione
*Audaces fortuna adiuvat*.
*Sorto timas fortulojn kaj taŭzas timemulojn.*

Forum
Letteralmente *piazza*, ma qui riunione pubblica su argomenti di grande rilievo oppure un servizio internet che consente l'invio e la lettura di messaggi su un tema specifico.
*Laŭvorte* placo, *sed publika kunveno pri gravaj temoj aŭ interneta servo por interŝanĝo de specifaj temoj*.

Fovet et favet
*Nutre e favorisce. Nutras kaj favoras.*

Funditus
*Dalle fondamenta, da cima a fondo, completamente. Ekde la komenco.*

Gratis
*Gratuitamente*, forma contratta di *gratiis, abl* plurale di *gratia*, che significa "grazia, favore". Oggetto o una prestazione data o fornita senza richiesta di danaro o altre prestazioni. "Gratis" ultimamente si sente anche troppo e spesso prelude al raggiro del consumatore. Nessuno regala niente per niente, eccetto i parenti e gli amici (si spera!).
*Senpage, pro afableco*. Sed atentu la trompulojn!

Haec aliquando miminisse juvabit
*Un giorno ricordare ciò sarà piacevole.*
*Iam memori pri tio estos plaĉe.*

Hannibal ad portas (Catone)
*Annibale alle porte (di Roma).*
*Hanibalo estas ĉe la pordoj*. Estas danĝera momento.

Hic Rhodus, hic salta
*Qui è la rosa, qui salta. Ora occorre superare l'ostacolo. Ĉi tie estas Rodiso, ĉi tie saltu*. Montru vian kapablon nun pri la nuna problemo.

Homo homini Deus
*L'uomo è un dio per l'uomo. Homo estas dio al homo.* □ *(Trad. Ro-*

Ricevinte la pasintan "ITALA FERVOJISTO - Informa Bulteno"-n, alvenis tiuj gratulreagoj.

*- Volonte kaj plezure mi ricevos alian numerojn kaj ilin mi disvastigos al aliaj interesitoj. M.M. - Apladojn! Nesuperebla kaj aktuala Trilussa! G.B. - Gratulojn pro via laboro. G.R. - Volonte mi konfirmas la ricevon de Via bulteno, kaj tre ŝatas, ke regule Vi sendas ĝin. U.M. - Vi daŭre tre lerte laboras. L.kV.M. - Mi ricevis vian aprecatan kaj ĉiam pli bonan revuon. U.B. - Viaj revuoj estas ĉiam ŝatataj por ni. H.Z. - … kiel kutime tre riĉa je ĉiaspezaj informoj, artikolo ks. E.D. - … ŝatata bulteno, kiun mi tralegas kun granda plezuro. L.G. - … via bulteno, kiun mi multe ŝatas. S.G. - Dankon por la sendo de via bela ĵurnalo. Ni vidas ke vi havas ĉiam bonan energion. Bravo. J.-P.G. - … mi taksas la bultenon "Itala Fervojisto" vere alloga kaj enhavriĉa. F.A.P. - Belega!!! M.G.*□

# H u m u r a ĵ o j

***Scuola primaria***

Durante una lezione di aritmetica l'insegnante chiede a Pierino: - Se hai nella tasca destra 50 euro e nella sinistra 30 euro, cosa hai?

- I pantaloni di un altro.

***Elementa lernejo***

Dum la leciono pri aritmetiko la instruisto demandas Peĉjon: - Se vi trovas en via dekstra poŝo 50 eŭrojn kaj en la maldekstra 30 eŭrojn, kion vi havas?

- La pantalonon de iu alia.

---

***Malattie***

Un contadino va all'ospedale ed elenca a un'infermiera i suoi molti malanni.

Alla fine l'infermiera dice: - Ce l'ha il pigiama?

- Forse sì, io ho tutte le malattie!

***Malsanoj***

Kamparano enhospitaliĝas kaj listigas al flegistino siajn multajn malsanojn.

Fine la flegistino demandas: - Ĉu vi havas piĵamon?

- Eble jes, mi havas ĉiujn malsanojn!

---

***Economia domestica***

La piccola Elena di ritorno da scuola: - Oggi nella cucina della scuola abbiamo cotto al forno dei dolci.

La madre: - Vi hanno permesso di mangiarli?

Elena: - Permesso? Abbiamo dovuto!

***Mastrumado***

Malgranda Helena revenas el la lernejo:

- Hodiaŭ en la lerneja kuirejo ni bakis kukojn.

La patrino: - Ĉu estis permesite al vi manĝi ilin?

Helena: - Ĉu permesite? Ni devis!

---

***Dal medico***

- Dottore, cosa devo fare per non prendere un'altra influenza?

- Tenga quella che ha!

***Ĉe kuracisto***

- Doktoro, kion mi faru por ne preni alian gripon?

- Tenu tiun, kiun vi havas!

---


Vi pravis ... ja temis pri kokino ...

### *Esame del sangue*

Un ubriaco causa un incidente stradale e lo portano semisvenuto all'ospedale. Il mattino dopo si sveglia ancora un po' brillo e chiede al medico: - Che cosa ho?

- Dalle analisi, risulta poco sangue nell'alcol!

### *Sangotesto*

- Ebriulo okazigas aŭtomobilan akcidenton kaj oni portis lin duonsveninta al hospitalo. La postan matenon li revekiĝas ankoraŭ iomete ebria, kaj demandas al la kuracisto: - Kion mi havas?

- Laŭ la analizoj, al vi restas tro malmulte da sango en la alkoholo!

---

### *Carabinieri.*

Due carabinieri in un posto di blocco fermano una Renault4 su cui ci sono 5 giovani.

L'appuntato: - Ragazzi dobbiamo multarvi perché in una Renault4 siete in cinque.

Il maresciallo: - Sta' zitto imbecille, noi in una Fiat Uno siamo in 2.

### *Karabenistoj*

Du karabenistoj postene haltigas aŭton Renault4, enr kiu veturas 5 junuloj.

La kaporalo: - Knaboj ni devas monpunigi vin ĉar en Renault4 vi estas 5.

La suboficiro: - Silentu, stultulo, ni en Fiat Unu veturas duope.

---

### *Carabinieri.*

Un carabiniere è in crociera, quando la nave urta uno scoglio e incomincia a inabissarsi.

È disperato, ma per fortuna un marinaio lo incoraggia dicendo: - Vieni con me e fai come faccio io.

Il marinaio prende un'ascia e recide le funi di una scialuppa di salvataggio.

Allora anche il carabiniere prende un'ascia e comincia a fare a pezzi la barca.

Il marinaio, inorridito, gli chiede: - Ma che fai?

E il carabiniere: - Ti aiuto a fare la zattera!

### *Karabenistoj*

Karabenisto krozadas, kiam la ŝipo kolizias kontraŭ klifon kaj eksinkas.

Li tre timas, sed bonŝance maristo kuraĝigas lin dirante: - Venu kun mi kaj imitu min.

La maristo prenas hakilon kaj tranĉas la ŝnurojn de savboato.

Tiam la karabenisto same prenas hakilon kaj dispecigas la savboaton mem.

La maristo, terurita, krias: - Kion vi faras?!?

Kaj la karabenisto: - Mi helpas vin konstrui savfloson!

---

### *Missioni*

Il pastore di una piccola chiesa della verde campagna scozzese: - Ora farò circolare il sacchetto delle offerte. Siate generosi: il vostro contributo servirà per i missionari, che in Paesi lontani cercano di sconfiggere la piaga della fame, spesso a rischio della propria vita, tra popolazioni ostili, addirittura cannibali!

Infilando con riluttanza una monetina nel sacchetto, McPherson sussurra alla moglie: - Giusto fare in modo che tutti abbiano di che nutrirsi, ma non sarebbe più opportuno abituare quei selvaggi a mangiare qualcosa di meno costoso dei missionari?

### *Misiejoj*

La pastoro de eta preĝejo en la verda skota kamparo: - Nun mi cirkuligos la oferujon. Estu sindonaj: via kontribuo utilos por la misiistoj, kiuj en foraj lan-

doj klopodas venki la malsanplagon, ofte riske de sia vivo, inter malamikaj homoj, eĉ kanibaloj!
Enmetante kun malemo monereton en la ujon, McPherson susuras al sia edzino: - Bone agi por ke ĉiuj havu manĝaĵon, sed ĉu ne estus pli oportune alkutimigi tiujn sovaĝulojn manĝi ion malpli kostan ol misiistoj?

---


Verdire, mi intencis forporti nur vin ...

***Cannibali***

- Cos'è un cannibale?
- Un uomo a cui piacciono gli uomini … con le spezie!

***Kanibaloj***

- Kio estas kanibalo?
- Homo, kiu ŝatas aliajn homojn ... kun spicaĵoj!

---

***Bambini***

- Pierino, mangia le carote che fanno bene alla vista!
- E tu, mamma, come fai a saperlo?
- Hai mai visto un coniglio con gli occhiali?

***Knabetoj***

- Peĉjo, manĝu la karotojn, kiuj plibonigas la vidkapablon!
- Kaj vi, panjo, kiel vi scias tion?
- Ĉu vi iam vidis kuniklon kun okulvitroj?

---

***Bambini***

Paolino chiede al padre: - Papà, cosa significa ubriaco?
- Vedi, figlio mio, ecco due poliziotti, se io ne vedessi quattro anziché due, io sarei ubriaco!
- Ma, papà, là c'è un solo poliziotto!

***Knabetoj***

Paŭĉjo demandas sian patron: - Paĉjo, kion signifas ebriulo?
- Vidu, filo mia, jen staras du policistoj, se mi vidus kvar policistojn anstataŭ du, mi estus ebria!
- Sed, Paĉjo, tie staras nur unu policisto!

---

***Bambini***

Il giorno avanti il compleanno del papà.
La figlia: - Papà, la mamma e io abbiamo comprato dei fiori per te!
La mamma: - Ma tu non dovevi raccontarlo!
La figlia: - Ma io non ho detto niente del libro che abbiamo comprato!

***Infanoj***

La tagon antaŭ la naskiĝtago de la patro.
Filino: - Paĉjo, panjo kaj mi aĉetis florojn por vi!
Patrino: - Sed vi ne rajtis nun rakonti tion!
Filino: - Sed mi nenion diris pri la libro, kiun ni aĉetis!

---

### *Ricatto*

Una bambina capricciosa, al supermercato, apostrofa la madre: - Mamma, se non mi compri subito un gelato, ti chiamo nonna ad alta voce!

### *Ĉantaĝo*

Kaprica knabino, ĉe superbazaro, abrupte alparolas la patrinon: - Panjo, se vi ne tuj aĉetas glaciaĵon, mi laŭtvoĉe vokos vin avino!

---

### *Bambini*

- Pierino! Vieni in casa che piove!
- Ma, mamma, anche qui fuori piove.

### *Infanoj*

- Peĉjo! Hejmenvenu. Pluvas!
- Sed, panjo, ankaŭ ĉi tie ekstere pluvas.

---

### *Il papà con fierezza alla mamma*

- Hai visto che genio è il nostro bambino? Certo l'intelligenza l'ha presa da me...
- Sicuramente, - risponde la mamma - io la mia ce l'ho ancora tutta!

### *La patro fiere al la patrino*

- Ĉu vi vidis kia geniulo estas nia filo? Inteligentecon certe li prenis de mi...
- Certe, - reagas la patrino - la mia ankoraŭ estas entute ĉe mi!

---

### *Genitori*

Lei a lui: - Quando quel giovanotto è venuto a chiederti la mano di nostra figlia, avresti potuto limitarti a rispondere "Sì", invece di offrirgli una coppa di champagne, abbracciarlo e chiamarlo "Mio salvatore!"

### *Gepatroj*

Ŝi al li: - Kiam tiu junulo venis por peti nian filinon kiel edzinon, vi povus limigi vin respondi "Jes", anstataŭ oferi al li ĉampanpokalon, brakumi lin kaj voki lin "Mia savanto!"

---

### *Aggiornamento*

Una moglie domanda al marito, che sta leggendo il giornale: - C'è qualcosa di nuovo oggi, caro?
- Ma certo!
- Che cosa?
- La data.

### *Ĝisdatigo*

Edzino demandas la edzon, kiu estas leganta ĵurnalon: - Ĉu estas novaĵoj hodiaŭ, karulo?
- Ja, certe!
- Kio?
- La dato.

---

### *Adeguamento*

Una moglie, dopo un lungo litigio con il marito, furibonda afferra la pistola e abbatte l'uomo con tre colpi precisi.
In quel momento squilla il telefono e la donna, posata l'arma ancora fumante, corre a rispondere.
- Pronto... qui è la vedova Rossi che parla!

### *Adegvatiĝo*

Edzino, post longa kverelo kun la edzo, kolerega kaptas revolveron kaj faligas la viron per tri precizaj pafoj.
En tiu momento la telefono sonoras kaj la virino, forlasante la ankoraŭ fumantan armilon, kuras respondi.
- Halo ... ĉi tie parolas vidvino Rossi! □



## Pruvèrbi bulgnîṡ
## *Proverboj bolonjaj*

Chi é gelåuṡ, é bàcc.
Kiu ĵaluzas, tiu kokriĝas.

Chi é stè muṡgè dala béssa, l à pòra anc dla luṡêrta.
Kiu estis mordita de serpento, tiu timas eĉ lacerton.

Chi fà dal mèl, mèla fén aspèta.
Kiu faras malbonaĵojn, tiu atendu malbonan finon.

Chi fa prèst dintén, prèst fradlén.
Kiu baldaŭ dentetmetas, tiu baldaŭ havos frateton.

Chi fà såul quall ch'al sà fèr, fõrsi al vîv mo an sà canpèr.
Kiu faras nur la farendaĵon, eble li vivas sed ne konas bonvivadon.

Chi l'à d ôr, chi l'à d arżänt, chi l'à c'an vèl un azidänt.
Kiu havas ĝin ora, kiu arĝenta kaj kiu tute senvalora.

Chi la fà såtta la naiv, prèst la se dscrûv…
Kiu faras ĝin subneĝe, baldaŭ ĝi malkovriĝas…

Chi n pôl aväir la chèran al plócca äl ós.
Kiu ne povas havi viandon, tiu leku ostojn.

Chi nâs tén murîr, chi ha la gòba s la tén tgnir.
Kiu naskiĝas tiu mortu, kiu havas ĝibon tiu tenu ĝin.

Chi prèst indänta, prèst as s'paränta.
Kiu baldaŭ dentmetas, tiu baldaŭ parencas.

Chi prèst inòsa, prèst infòsa.
Kiu baldaŭ ostas, tiu baldaŭ enfosas. □

## Proverbi regionali
## *Proverboj regionaj*

Chi cambia nome, o è diventato papa, oppure è un farabutto.
*Kiu ŝanĝas sian nomon, aŭ li iĝis papo, aŭ li friponas.* (Latio)

Chi campa d'invidia muore disperato.
*Kiu vivas envieme, tiu mortas malespere.* (Latio)

Chi campa senza conti, muore senza canti.
*Kiu vivas senzorge, tiu mortas senkante.* (Abruzio)

Chi carica troppo, perde la polvere e fa crepare lo schioppo.
*Kiu ŝargas tro multe, tiu perdas la pulvon kaj krevigas la pafilon.* (Lombardio)

Chi cerca ausilio, al più trova consiglio.
*Kiu serĉas helpilon, maksimume trovas konsilon.* (Latio)

Chi comanda non suda.
*Kiu komandas, ne ŝvitas.* (Apulio)

Chi credesse a tutto quel che può sognare, matto può diventare.
*Kiu kredus je ĉio revebla, tiu povas freneziĝi.* (Emilio)

Chi dice di voler morire, non vuole stendere i piedi.
*Kiu diras voli morti, tiu ne volas etendi la piedojn.* (Apulio)

Chi è avaro di soldi, è avaro di sentimenti.
*Kiu avaras pri mono, tiu avaras pro sentoj.* (Latio)

Chi è cornuto una volta lo è cento volte.
*Kiu estas kokrita unufoje, tiu estas kokrita centfoje.* (Kalabrio)

Chi è paziente è pezzente.

# Aforismi sulle lingue
# *Aforismoj pri lingvoj*

Credo che l'Esperanto abbia davanti a sé un grande avvenire, non solo perché ha avuto successo regolarmente crescente, ma perché lo merita e vuole continuare a meritarlo.
*Mi opinias, ke Esperanto havas antaŭ si grandan estonton, ne nur ĉar ĝi havis regulan kreskantan sukceson, sed ĉar ĝi meritas kaj volas daŭre meriti ĝin.*
Aimé Cotton

Affermo che questa lingua artificiale è molto più regolare, perfetta, facile da apprendere di qualsiasi lingua naturale dell'umanità.
*Mi afirmas, ke ĉi tiu artefarita lingvo estas multe pli regula, perfekta, facilernebla ol iu ajn homa natura lingvo.*
J. van Müller

Comprendersi vuol dire amarsi.
*Kompreniĝi signifas reciprokan amon.*
Leonardo da Vinci

L'Esperanto non è solo una lingua. Esso è un'interlingua il cui valore linguistico, letterario e sociale non ha confronti.
*Esperanto estas ne nur lingvo. Ĝi estas interlingvo, kies valoro lingva, literatura kaj socia ne havas komparojn.*
Joseph John Thomson

L'Esperanto è neutrale, è facile e ideale, ha essenza linguistico-letteraria internazionale, è la sola interlingua vivente.
*Esperanto estas neŭtrala, facila kaj ideala, ĝi havas internacian linguistik-literaturan esencon, ĝi estas la sola vivanta interlingvo.* Nishi Sehho

Si può essere non esperantisti, ma non contro l'Esperanto. Gli esperantisti preparano una umanità migliore.
*Oni povas esti ne esperantisto, sed ne kontraŭ Esperanto. La esperantistoj preparas pli bonan homaron.* H. Hong

Si tratta di rompere l'ignoranza che è causa di ignoranza: non si conosce l'Esperanto perché non si sa che cosa è l'Esperanto.
*Temas pri rompo de la ne scio, kiu kaŭzas malscion: oni ne konas Esperanton ĉar oni ne scias, kio estas Esperanto.*
Paolo Avanzi

La comunicazione dei popoli è tanto vasta che essi hanno assolutamente bisogno di una lingua comune.
*La komunikado inter la popoloj estas tiel ampleksa, ke ili nepre bezonas komunan lingvon.*
Charles-Louis de Montesquieu

Oserei sperare in una lingua universale, molto facile da apprendere, pronunciare e a scrivere… Ritengo tale lingua possibile, con la quale la gente potrebbe meglio giudicare sulla verità della cose come fanno ora i filosofi.
*Mi ŝatus esperi pri universala lingvo, tre facila por lerno, prononco kaj skribo… Mi opinias tian lingvon ebla, per kiu la homoj povus pli bone taksi la veron pri la fenomenoj, kiel faras la filozofoj.*

# *En Placo Sankta Petro*

Ni varme regratulas la s-anojn, kiuj agis dum la pasintaj Kristnasko-tago kaj Pasko-tago, por la grava diskonigo en mond-televido de la naŭ paneloj kun la skribo "ESPERANTO", dum la papaj salutoj en pli ol sesdek lingvoj, inter kiuj ja nia Esperanto.
Feliĉe tio jam estas tradicia faro ankaŭ de la nuna Papo Benedikto la XVI. □

# GIOCO DI PAROLE = *VORTLUDO* - 31

Chiave = *Slosilo (8, 5, 5): sendube taŭga difino*

| | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| **O** | **T** | **N** | **E** | **M** | **A** | **L** | **G** | **E** | **R** | **G** | **I** | **M** | **I** |
| **L** | **J** | **Z** | **A** | **J** | **O** | **T** | **S** | **I** | **C** | **O** | **G** | **E** | **N** |
| **A** | **L** | **O** | **O** | **Ĝ** | **P** | **E** | **A** | **N** | **Ĉ** | **I** | **O** | **U** | **I** |
| **N** | **I** | **K** | **I** | **D** | **A** | **R** | **N** | **E** | **M** | **E** | **L** | **U** | **M** |
| **O** | **A** | **A** | **E** | **C** | **L** | **N** | **A** | **N** | **N** | **I** | **T** | **A** | **U** |
| **S** | **O** | **C** | **E** | **S** | **K** | **O** | **T** | **N** | **G** | **O** | **G** | **O** | **L** |
| **R** | **E** | **I** | **I** | **H** | **R** | **A** | **U** | **O** | **M** | **I** | **T** | **N** | **I** |
| **E** | **O** | **K** | **T** | **T** | **I** | **F** | **R** | **E** | **S** | **T** | **I** | **I** | **I** |
| **P** | **O** | **E** | **I** | **U** | **E** | **E** | **O** | **T** | **E** | **T** | **B** | **K** | **C** |
| **A** | **R** | **T** | **S** | **G** | **T** | **A** | **R** | **T** | **O** | **Ĝ** | **E** | **S** | **N** |
| **C** | **G** | **O** | **R** | **I** | **I** | **A** | **M** | **A** | **J** | **S** | **T** | **O** | **U** |
| **I** | **E** | **G** | **V** | **A** | **T** | **L** | **E** | **U** | **R** | **T** | **O** | **N** | **N** |
| **G** | **N** | **E** | **O** | **O** | **I** | **J** | **O** | **E** | **L** | **I** | **A** | **U** | **E** |
| **A** | **O** | **O** | **J** | **J** | **O** | **I** | **C** | **A** | **R** | **O** | **K** | **E** | **D** |

Cerca e riquadra con la matita ogni parola nella lista, in orizzontale, verticale, diagonale, in tutte le direzioni. Alcune lettere sono comuni a più parole. Quelle restanti, lette in ordine, formano la chiave definita.

*Serĉu kaj ĉirkaŭlimigu per krajono ĉiujn vortojn enlistigitajn horizontale, vertikale, diagonale, al ĉiuj direktoj. Iuj literoj estas komunaj en kelkaj vortoj. La restintaj, legataj laŭorde, formas la difinitan ŝlosilon.*

aloo, arto, atuti, ĉio, dekoracioj, denunci, enradiki, erari, giĉeto, iamaj, iao, ileoj, ilumini, ino, intimo, kaciketo, klapo, krieti, kun, logo, magistratoj, migre, mule, naciteamulo, naĝanto, naturo, negocistoj, neo, nenie, noti, nuligo, onikso, orgeno, personalo, provo, reglamento, repaciga, resti, seĝo, sekigiloj, terno, tero, Tibeto, tio, tokseco, toste, tra, trakcioj

Soluzione dell'ultimo numero, 30° gioco - *Solvo de la lasta numero, 30-a, vortludo*:
VENONTA IFK BORDEAUX

# Kolofono

**_ITALA FERVOJISTO_**
**IL FERROVIERE ITALIANO**

***Informa Bulteno**, kvarmonata (laŭeble), de la Itala Fervojista Esperanto Asocio (IFEA), landa asocio de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF). Dulingva redakto (itale-esperante).*

**Bollettino di informazione**, quadrimestrale (possibilmente), della Associazione Italiana Ferrovieri Esperantisti (IFEA), membro della Federazione Internazionale Ferrovieri Esperantisti (IFEF). Redazione bilingue (italiano e Esperanto).

*Senpage al la membroj* / Gratis ai membri
*Memprintita* / Stampato in proprio



**Adresoj/Redaktejo**:

- ***Romano Bolognesi***:
✉ Via Misa 4, IT-40139 Bologna
☎ ++39 051 547247.
💻 <bolognesiromano@alice.it>

- ***Vito Tornillo***:
✉ Via Salvo D'Acquisto 9/5, IT-40050 Monte S. Pietro BO,
💻 <vitorni@virgilio.it>.



*Lingva kontrolado*: Gianfranco Tomba
Lanfranco Bonora

**I.F.E.A.**: Prezidanto: Pasquale Ceci - Sekretario/Redaktoro: Romano Bolognesi - Kasisto: Sergio Negroni - Kunredaktoro/ Komitatano/Fakkomisionano: Vito Tornillo - Aliaj estraranoj: Renzo Mantovan, Agostino Mantovani, Vito Tornillo - Revizoroj: Renzo Battistella, Lanfranco Bonora, Gianfranco Tomba - Probi viri: Gino Corso, Emanuele Franchi, Elisa Gualandi.

I.F.E.A.-PoŝtĉekKonto ĉe: Bolognesi Romano, Via Misa 4, IT-40139 Bologna. N-ro:
1 4 7 8 2 4 0 3

*UEA-konto*: robo-r

*Apermonatoj: apr., aŭg., dec. (laŭeble)*
*Redaktofinoj: 20/03, 20/07, 20/11.*
www.dlfbo/esperanto.it - www.ifef.net
www.esperanto.it/riviste


# Leggere l'Esperanto

L'Esperanto è una lingua molto precisa, armoniosa e chiara, con un sistema fonetico semplice ed esatto.

Ecco qui ***tutte*** le poche regole al riguardo.

☆ Le vocali sono cinque: **a e i o u**

☆ In tutto l' **alfabeto** è formato da 28 lettere:

**a, b, c, ĉ, d, e, f, g, ĝ, h, ĥ, i, j, ĵ, k, l, m, n, o, p, r, s, ŝ, t, u, ŭ, v, z**

☆ **L'Esperanto si pronuncia come si scrive** e **si scrive come si pronuncia** (sempre, in ogni situazione).

☆ **Ogni lettera ha un suono, ad ogni suono corrisponde una lettera** (un singolo suono per ogni segno grafico).

☆ **Le lettere si pronunciano come in italiano** (quasi tutte, tranne le poche facili degli esempi).

☆ **L'accento tonico cade sulla penultima vocale** (sempre, negli esempi è quella sottolineata).

**c** **sorda, come la *z* di *palazzo* (palaco)**
**ĉ** **palatale, come la *c* di *felice* (feliĉa)**
**g** **gutturale, come *gh* di *ghisa* (giso) o *g* di *gas* (gaso)**
**ĝ** **palatale, come la *g* di *villaggio* (vilaĝo)**
**h** **aspirata leggera (herbo); (pronunciarla sempre!)**
**ĥ** **aspirata forte (ĥolero), come *ch* nel tedesco (*bach*)**
**ĵ** **sibilante, ~ come *sg* di *disgelo*; meglio la *j* francese (*jour*)**
**k** **gutturale, come *ch* di *chilo* (kilo) o *c* di *cassa* (kaso)**
**s** **sorda, come la *s* di *sale* (salo)**
**ŝ** **sibilante, come il gruppo *sc* di *sceriffo* (ŝerifo)**
**z** **sonora, come la *s* di *musica* (muziko)**
**j - ŭ** **sono considerate consonanti e suonano come *i* e *u* brevi nelle parole italiane *gaio* (gaja) e *feudo* (feŭdo)**

*Ni semas kaj semas, konstante*




*La reloj kunligas la landojn, Esperanto la popolojn.*
Le rotaie collegano i territori, l'Esperanto i popoli.